

# INTERNACIA ĴURNALISTO

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO



**1959**

Julio - Decembro



# INTERNACIA ĴURNALISTO

## ĜENERALA FAKKUNVENO DE T.E.Ĵ.A. EN WARSZAWA

En la belega, restarigita ĉefurbo de Pollando - Warszawa, okazis la 44-a Jubilea Universala esperanto-kongreso, unu el la plej grandaj kaj imponaj tutmondaj esperantistaj manifestiĝoj de la esperanto-movado. En la kadroj de la Universala kongreso, inter la multnombraj kunvenoj, kunsidoj, spektakloj kaj ekskursoj, okazis ankaŭ la ĝenerala fakkunveno de la Tutmonda esperantista ĵurnalista asocio - la plej sukcesa kaj bone vizitita ĝis nun ĵunalista jarkunveno.

La du kunsidoj de nia ĝenerala kunveno okazis ankaŭ en la grandega, belega kaj majesta Palaco de kulturo kaj scienco. Ĉeestis proksimume 60 ĵurnalistoj-esperantistoj el ĉirkaŭ 15 landoj, inter kiuj nia prezidanto - s-ro Olav Thormodsen, la vicprezidanto - s-ro Niilo Kavenius, la sekretario-kasisto - d-ro Dino Fabris, la redaktoro de "Internacia Ĵurnalisto" - s-ro Ivan Keremidĉiev-Esperov, la membro de la estraro - s-ro Takaĉ Ẑeljko, kaj iuj komitatanoj kaj reprezentantoj de TEĴA.

La prezidanto Thormodsen per konvenaj bonvenigaj vortoj salutis la ĉeestantojn kaj deklaris la jarkunvenon malfermita. Li proponis la jenan tagordon: raportoj de la prezidanto, la sekretario-kasisto kaj de la redaktoro de nia organo pri la organiza kaj financa stato de TEĴA, pri la eldonado de "Internacia Ĵurnalisto", pri la estonta laboro de nia asocio kaj eventualaĵoj. Post la aprobo de la tagordo la prezidanto raportis pri la agado de la estraro kaj la organiza stato de nia asocio.

Dum la lasta jarperiodo, post la Universala esperanto-kongreso en Mainz, nia asocio atingis bonajn sukcesojn. La nom-

bro de la TEĴA-membroj estas pli ol 200 el proksimume 25 landoj. Sed tio ankorau ne estas kontentiga. En la mondo ekzistas ankoraŭ centoj da ĵurnalistoj-esperantistoj, aperas proksimume 100 esperantistaj gazetoj, ĵurnaloj, bultenoj k.a. Se ni sukcesos membrigi nur la redaktorojn de tiuj esperantaĵoj, la membroj de la asocio duobliĝos. Ni devas interesigi ilin pri nia nobla afero. S-ro Thormodsen montris la modelan laboron de la ĵurnalistoj-esperantistoj en Bulgario, Jugoslavio kaj Pollando. Ekzemple, pli ol 60 niaj kolegoj en Bulgario, membrantaj en aparta ĵunalista sekcio ĉe Bulgara esperantista asocio (membroj ankaŭ de TEĴA), estas ne nur agemaj ĵurnalistoj, sed ankaŭ aktivuloj esperantistaj. Ili redaktas en sia lando la esperanto-gazetojn kaj revuojn "Nuntempa Bulgario", "Junularo de Bulgario", "Internacia Ĵunarlisto", "Bulgara Esperantisto", "Esperantaj informoj", "Esperanto en Festivalo", diversajn librojn kaj prospektojn ktp. En Jugoslavio niaj kolegoj fondis apartan Jugoslavian Esperantan Ĵurnalistan asocion. Aktive redaktas gazetojn kaj Esperanto-rubrikojn en nacilingvaj presaĵoj la pollandaj kolegoj. Do, nia grava tasko estas altiri al nia asocio ĉiujn flankestarantajn esperantistojn-ĵurnalistojn, redaktorojn, publicistojn ktp., laborantaj en la gazetaro, en la radio kaj televidstacioj. Bona estas nia kunlaborado kun UEA. Preskau ĉiuj teĵanoj ricevas kaj bone utiligas la informajn leterojn, dokumentojn kaj artikolojn, kiujn ili recevas de UEA kaj ties fakoj. Bedaurinde, nia Interŝanĝa fakservo estas tute ne utiligata, malgraŭ la bonaj eblecoj.

La raportinto tuŝis la demandon pri la eblecoj organizi bone la kunlaboradon inter la teĵanoj, pri la reciproka gastigado de kolegoj en diversaj landoj. Li menciis ankaŭ la nekontentigan financan staton de nia asocio, kio malebligas al la asocio eldoni regule nian organon kaj aliajn materialojn. La estraranoj interkontaktas per cirkuleraj leteroj kaj kolektive decidas la gravajn problemojn. "Ni devas eklabori - konkludis la prezidanto - por konkeri indan lokon por nia asocio inter la ceteraj tutmondaj organizaĵoj. Per nia nobla afero, kulturkleriga kaj propaganda laboro ankaŭ nia asocio povas kaj devas kontribui al la celadoj de la popoloj pacigi la mondon."

La sekretario-kasisto d-ro Fabris raportis pri la stato de la membraro de TEĴA, pri la rezultoj de la enketado kaj pri la financa stato. Li informis, ke ĝis la Universala kongreso en MAINZ nia asocio nombris 155 membrojn. Post tio membriĝis ankoraŭ 48 kaj nun la teĵanoj estas entute 203. Ne ĉiuj membroj resendis la enketfoliojn, pro tio ni ankoraŭ ne povas difini la nombron de A kaj B kategorioj. La ricevata membrokotizo estas destinata por la eldono de nia organo, sed ne ĉiuj membroj elŝuldiĝas regule, la rimedoj ne sufiĉas por la regula agado de la asocio.

La redaktoro Esperov informis pri la aperado de "Internacia Ĵurnalisto". La organo aperas en 600 ekzempleroj: pli ol 200 estas ekspedataj al la membroj, pli ol 100 - al malnovaj membroj kaj ne altiritaj al TEĴA ĵurnalistoj, kaj la cetera kvanto interŝanĝe al la Esperanto-gazetaro kaj diversaj kulturaj instituciuj. Plue li menciis pri la neaktiva kunlaborado de niaj membroj al "Internacia Ĵurnalisto". Koncerne la financan staton, la raportinto diris, ke unu nomero kun la ekspedelspezoj kostas proksimume 700 levojn, ke por la regula aperado de la organo ĉiuj membroj devas pagi sian membrokotizon kaj subteni vigle la fonduson "Internacia Ĵurnalisto". Provizore la organo estonte aperos 4-foje dum la jaro.

Oni tralegis la projekto-decidon pri la estonta laboro de la estraro kaj de la asocio:

I. Organizaj taskoj: daŭrigi la varbadon de novaj membroj; trovi reprezentantojn de TEĴA por ĉiuj landoj, kie estas minimume 4 membroj de la asocio; nomi komitatanojn por ĉiuj landoj, kie estas pli ol 5 membroj; daŭrigi la enketadon pri la membreco; fondi turisman servon de TEĴA por reciproka gastigado de teĵanoj; pagi regule la kotizon al UEA kiel kunlaboranta organizaĵo kaj doni tekston-informon en la Jarlibro de UEA pri la celoj de nia asocio; rekomendi al ĉiuj membroj de TEĴA fariĝi membroj kaj fakdelegitoj al UEA kaj kunlaborantoj de la informa kaj CED servoj de UEA; insisti antaŭ la teĵanoj por la regula pagado de la membro-korozoj kaj subtenado de la fonduso "Internacia Ĵurnalisto".

II. Propagandaj taskoj: aperigi apartan propagandfolion pri la celoj de TEĴA kaj dissendi ĝin al ĉiuj fakaj kaj aliaj esperanto-organizaĵoj, al ĉiuj internaciaj kaj enlandaj ĵurnalistaj organizaĵoj, al la esperantista kaj neesperantista gazetaro en ĉiuj landoj, al la radio kaj televidcentroj kaj telegrafaj agentejoj; eldoni kvarfoje minimume la organon "Internacia Ĵurnalisto" ĝis kiam stabiliĝos ties financoj por pli bona kaj ĉiumonata eldonado; utiligi maksimume la informojn, artikolojn kaj la aliajn gazet-kaj propagandmaterialojn, sendatajn fare de UEA kaj ties fakoj; organizi la aktivan kunlaboradon de niaj membroj al la esperantista kaj nacilingva gazetaro per, por kaj pri esperanto; partopreni aktive en la laboro de UEA por la efektivigo de la UNESKO-programo pri la aprezado de la orienta kaj okcidenta kurturaj valoroj; aktivigi la propagandan laboron de la ĵurnalistoj-esperantistoj dum la Zamenhof-jaro; kontribui (TEĴA kaj ĉiu membro aparte) per aktiva agado al la plifirmigo de la internaciaj rilatoj, al la kunlaborado de la nacioj en la kampo de la kulturo, ekonomio, scienco, al la plifirmigo de la tutmonda paco.

III. Por pli aktiva profesia kunlaborado: aperigi en nia organo "Internacia Ĵurnalisto" anoncojn de apartaj membroj kaj redakcioj pri kunlaborado laŭ iliaj profesiaj interesoj; plivigligi, plibonigi kaj la Interŝanĝan servon de TEĴA; ĉiurilate servi al la turismaj vizitoj kaj reciprokaj gastigadoj-kolektivaj kaj individuaj - de niaj teĵanoj.

Post la raportoj oni transiris al diskutado de la starigitaj demandoj, en kiu partoprenis aktive multaj ĉeestantoj. S-ano Violin Oljanov (Bulgario) substrekis la neceson starigi en ĉiu lando kolegon-respondeculon, kiu prizorgos la interŝanĝadon de gazetmaterialoj. S-ano Stiefel Romana (Pollando) parolis pri la specialaj esperanto-rubrikoj kaj kursoj de esperanto por ĵurnalistoj, rekomendante ilian nececon. Li subtenas la interŝanĝadon de gazetmaterialoj kaj kolegoj kiel tre utilaj. S-ino Datoe Tomegoeng (Indonezio) informis, ke la ĵurnalistoj en ŝia lando jam ekinteresiĝis pri esperanto - ekzemple, en Djeakarta funkcias kurso kun 20 ĵurnalistoj. S-ino Tomegoeng gastame invitis la kolegojn viziti Indonezion, kie ili

trovos subtenon. S-ano Ĵeljko Takaĉ (Jugoslavio) rekomendis, ke ĉiuj membroj niaj estu bone reprezentataj en la Jarlibro de UEA kaj fariĝu fakdelegitoj. Pri pluraj aferoj kaj precipe pri la utiligeblecoj de la Esperantista eltonda servo parolis s-ano Marinko Ĝivoje (Jugoslavio). Laŭ la sugestoj de la ĉeestantoj, s-ano Ĝivoje proponis prepari artikolon por "Internacia Ĵurnalisto" pri ilia sperto rilate la Esperanto-eltondan servon. La redaktoro de esperanto-rubriko en gazeto "Ilustrovany kurier polsky" - Kazimierz Malycha, rakontis pri la intereso de la ĉefredaktoro de tiu gazeto, ke dum la kongresaj tagoj en la gazeto aperas informoj kaj bildoj pri la kongreslaboroj. Li esprimis deziron interŝanĝi gazetmaterialojn kun kolegoj kaj redakcioj.

En la diskutoj patroprenis ankaŭ aliaj kolegoj. Estis nomitaj respondeculoj pri interŝanĝado de gazetmaterialoj por multaj landoj.

Fine la ĝenerala fakkunveno de TEĴA unuanime elektis la jenajn kolegojn kiel estraranojn de TEĴA: prezidanto - s-ro Olav Thormodsen (Norvegio), vicprezidanto - s-ro Niilo Kavenius (Finnlando), sekretario-kasisto - d-ro Dino Fabris (Italio), helpsekretario - s-ino Maria Vogel (Germanio), redaktoro de "Internacia Ĵurnalisto" - Ivan Keremidĉiev-Esperov, kaj membroj - Ĵeljko Takaĉ (Jugoslavio), Jerzy Grum (Pollando).

La prezidanto Thormodsen fermis la kunvenon, bondezirante al nia TEĴA kaj al ĉiuj membroj de TEĴA sukceson en ilia nobla laboro.

## ĈIRKAŬ LA RONDA TABLO!

De 20 ĝis 22 novembro k.j. en Vieno okazis lauvica sesio de la Internacia Komitato por kunlaborado de Ĵurnalistoj (la antaŭaj sesioj okazis en Parizo - dum 1957 j. kaj en Bruselo - dum 1958 j.). La Komitato, kies laboron partoprenis 23 ĵurnalistoj el 19 landoj (8 membroj de la komitato el diversaj landoj sendis leterojn, per kiuj ili esprimis sian solidarecon al ĝia agado kaj planoj) decidis organizi Duan in-

ternacian renkonton de ĵurnalistoj en la aŭtuno de 1960. La komitato ankaŭ decidis rekomendi, ke la renkonto okazu en Europo.

Pridiskuti la profesiajn problemojn kaj la malfacilaĵojn de la ĵurnalista laboro por ĝusta kaj honesta informado; trovi plej bonan solvon de plialtigo de la profesia majstreco; ebligi la plenumon de la profesiaj taskoj de ĵurnalistoj kaj ilian noblan socian kaj pacoman misión - jen la celo de la Dua internacia ĵurnalista renkonto.

En la epoko de reaktivaj aviadiloj kaj interplanedaj raketoj, kiam plej malproksimaj unu de alia popoloj estiĝas proksimaj najbaroj; en la epoko, kiam eminentaj ŝtataj agantoj, scienculoj kaj verkistoj renkontiĝas por trovi solvon de la plej akraj nuntempaj problemoj de la tuta homaro, la ĵurnalistoj ne povas resti flanke . Ili estas devigitaj kunveni ĉirkaŭ la ronda tablo kaj diskuti, intersanĝi opiniojn kaj fine atingi bonajn rezultojn kaj interkonsenton.

Baldaŭ estos precizigitaj la tagordo, la dato kaj la loko de la Dua internacia ĵurnalista renkonto.

Ni opinias, ke la Tutmonda esperantista-ĵurnalista asocio ankaŭ devas esti reprezentata al tiu internacia kunveno kaj per siaj reprezentantoj aktive partopreni la laboron de la renkonto. La ĵurnalistoj-esperantistoj el ĉiuj landoj de la mondo ĉiam staras en la unaj vicoj de la batalantoj por interpopola kompeniĝo kaj por mondpaco. Per sia aktiva pacema agado la ĵurnalistoj-esperantistoj meritis la estimon de la plej larĝaj tavoloj de la socio. Al la estonta internacia ĵurnalista renkonto ni ankaŭ devas raporti pri nia nobla laboro en la kampo de la profesia kunlaborado kaj por pacama, feliĉa mondo.

D. Ĥ i t r o v

## NIAJ KOLEGOJ RAKONTAS...

MIA PERESPERANTA ĴURNALISTA LABORO

Kiel membro de TEĴA, mi plezure deziras rakonti ion al la legantoj de "Internacia Ĵurnalisto" pri mia peresperanta ĵurnalista agado dum la lastaj jaroj. Ĉijare mi festas mian 30-jaran esperantistecon, mi ellernis esperanton en la jaro 1929, estante 17-jara studento en Fajum, Egiptujo.

Plej granda mia revo estis efektivigi mondvojaĝon per la internacia lingvo, sed tion mi ne povis tuj fari. Mia revo efektiviĝis dank'al la helpo de la esperantistoj en diversaj landoj. Mia vojaĝo komencis en la jaro 1949. Unue mi vizitis Bourmemout, kie mi ĉeestis esperanto-kongerson. Poste mi vizitis Svedion, Danlandon, Norvegion, Francion, Svislandon, Nederlandon. Mi ankaŭ veturis tra Jugoslavio kaj Bulgario kaj ĉie mi estis bone akceptata kaj subtenata de niaj karaj samideanoj. Ĉie mi sentis min kiel en mia hejmo.

Rondvojaĝante tra Eŭropo, mi faris antaŭ esperantista kaj neesperantista publiko en daŭro de dek jaroj pli ol 2200 prelegojn en 15 landoj. Pli ol mil prelegojn germanlingve, mi faris nur en Germanio. Ĉiam mi profitas la okazon propagandi esperanton. Lastjare mi vizitis mian patrolandon, kie mi sukcesis prepari pli ol 500 kolorajn bildojn kaj unu filmon, necesaj por kvar prelegoj.

Krom mia laboro kiel preleganto, mi, kiel ĵurnalisto, kunlaboras al multaj arabaj taggazetoj en Egiptujo, Sirio k.a. Mi volonte tradukos artikolojn el esperanto por niaj gazetoj, interŝanĝante materialojn kun aliaj ĵurnalistoj. Samtempe mi atendas inviton kaj helpon por viziti kaj prelegi en diversaj landoj. Mia nuna adreso estas:

Dr Tadros Megalli
München 8, Schließfach 133 - Germanio




KIA UTILO DE ABONO AL ESPERANTO-GAZETELTONDAĴOJ

Ek de januaro ĉijare Jugoslavia esperanto-federacio abonis de Presservo (Clipping Sèrvice), Beograd, la gazeteltondaĵojn pri Esperanto kaj internacia lingvo ĝenerale. Ĝis tiam, por havigi la gazeleltondaĵojn, oni apelaciis al esperantistoj en la tuta lando, sed nur kelkaj regule sendadis, precipe el provincaj lokoj, dum de ĉefurbaj gazetoj ni preskaŭ entute ne ricevis ilin.

Tuj post ricevo de la unua sendaĵo kun gazeteltondaĵoj por januaro, mi kunmetis la liston laŭ la alfabeta ordo de gazetoj, kaj sendis ĝin al niaj kunlaborantoj en kelkaj pli gravaj centroj, petante kontroli kaj kompletigi ĝin. Surbaze de ricevitaj kompletigoj ni povis konvinkiĝi, ke la gazeteltonda entrepreno ne akurate eltondas ĉion, kio apreas. Kialo? Unue, ne ĉiam esperanto estas menciita en la titolo kaj la entrepreno ne ĉiam rimarkas, ke temas pri esperanto. Due, la entrepreno entute ne eltranĉas la artikolojn el revuoj kaj (eble pro nekono de la lingvoj) preskaŭ ne de gazetoj minoritataj (hungaraj, ŝkiptaraj, ĉehlingvaj k.s.). Pro tio ni estis devigataj reteni paralele ankaŭ la ĝistiaman manieron de havigado de priesperantaj gazeteltondaĵoj. Tamen, kiam ni fine de la jaro faros statistikon pri aperintaj priesperantaj artikoloj en nacilingva gazetaro, ni devos nepre aldoni minimume 30% por alproksimiĝi al la reala cifero.

Kaj nun mi respondu (telegramstile pro limigita spaco) al titole starigita demando pri la utilo, kiun povas prezenti tiu kolektado por la movado, ĝenerale.

1. Komence de ĉiu monato ni kunmetas la liston mencianțe titolon de gazeto, daton, titolon de artikolo, la fonton el kiu la materialo venis, kaj sendas ĝin al CED, al la gvi-

danto de Informa Fako de UEA, al la redaktoro de nacilingva Informa bulteno k.s. Tiamaniere la estraroj de la naciaj kaj fakaj esperanto-organizaĵoj, gvidantoj de informaj fakoj k.a. povas rezultodone informiĝi pri ĉiuj aperintaj materialoj kaj informi CED de UEA pri tio.

2. Ni konstatas el kiuj fontoj estas uzita la materialo por la artikoloj (ŝtata agentejo, redakcio, organizaĵo, kunlaboranto). Ni konstatas ankaŭ en kiu regiono aŭ grava nacilingva gazeto kaj faka revuo entute ne aperas io pri esperanto. Tiam estas eble fari la necesajn paŝojn plibonigi la aferon en tiu regiono aŭ plifirmigi nian informadon.

3. Ni havas eblecon kontroli ne nur la kvanton, sed ankaŭ la kvaliton kaj la enhavon de la artikoloj aperintaj.

4. Plurfoje okazas, ke ni ekscias pri esperantoj novaĵoj el nacilingva gazeto (precipe pri okazigo de ĉiujaraj ĉefkunvenoj, pri kiuj la lokaj gazetoj regule raportas) kaj en tiaj okazoj ni estas devigataj uzi tiujn informojn por nia esperanta-gezeto. Se la informo ŝajnas al ni ne plene fidinda aŭ detala, ni petas apartan raporton de tiuurba societo.

5. Ni nun havas bazon por fine de la jaro fari pli precizan statistikon.

6. Ni posedas valoran arkivan materialon.

Pro ĉiuj prezentitaj avantaĝoj estas rekomendinde, ke ĉiuj landaj movadoj abonu pere de tiaj entreprenoj la esperanto-gazeteltondaĵojn, ĉar la utilo estas pli granda ol la elspezoj.

M a r i n k o Ĝ i v o j e,
gvidanto de Informa Fako de JEF
LJUBLJANA, Gornji trg 31.II.

## LA INTERNACIA RIPOZDOMO DE LA ĴURNALISTOJ ESTAS KONSTRUITA KAJ INAŬGURITA

Apud la pitoreska bordo de Nigra maro, sur la belega loko "Ora strando", ne malproksime de la bulgara urbo Varna en tre konsiza tempo laŭ la iniciato de la Asocio de bulgaraj ĵurnalistoj, kun la helpo de multaj alilandaj asociaj ĵurnali-

staj, estis konstruita kvaretaĝan blankneĝan palacon. Tiu ĉarma konstruaĵo estas la nova internacia ripozdomo de la ĵurnalistoj. La 26-an de julio j.k. oni inaŭguris solene la domon, konstruita en interesa bulgara nacia stilo. En la ornamado de la ĵurnalista palaco partoprenis per siaj donacoj ĵurnalistoj el Bulgario, Brazilo, Pollando, Germanio, Francio, Meksikio kaj el aliaj landoj.

En julio komencis somerumi kaj ripozi centoj da ĵurnalistoj el dekoj da landoj, ĝuante la komforton, la oran sablon kaj agrablan marakvon. La vicprezidanto de la Nacia unuiĝo de la italaj ĵurnalistoj Feruĉo Lafranki, R.Honda - de la Japana ĵurnalista kongreso (unuiĝo), Tadeuŝ Roek - ĝenerala sekretario de la Pollanda ĵurnalista unuiĝo kaj multaj aliaj ripozantoj en la domo ĵurnalistoj gratulis sincere la bulgarajn ĵurnalistojn pro la belega iniciato - doni eblecon al la ĵurnalistoj el la tuta mondo ripozi en tiu ĉarma marborda domo en amika kaj agrabla atmosfero.

En la internacia ĵurnalista ripozdomo povas ripozi ĉiuj ĵurnalistoj el la tuta mondo. Ĝi disponas je 100 dormoĉambrojn, restoracio por 250 homoj, kinosalono, ĝardena restoracio, dancejo, biblioteko, sportkortoj, frutkĝardeno, parko kaj aliaj amuzlokoj.

## R I C E V I T A J   E S P E R A N T A Ĵ O J

KRAKOW-Pollando - belege ilustrita prospekto pri la postkongresa urbo, eldono de "Agropol"-reklamoficejo kaj eldonejo por eksterlanda komerco, 28 paĝoj, kun detalaj informoj pri la malnova ĉefurbo de Pollando, ricevebla senpage.

TATROJ-ZAKOPANE - eldono de Komitato por turismo. Ilustrita faldfolio pri la belegaj Tatro-montaro kaj la turista loko Zakopane en Pollando.

NIA BELEGA SZCECIN - multilustrita 36 paĝa prospekto pri la malnova kaj interesa pollanda urbo Szcecin.

EKSKURSOJ EN NOMBROJ - de F.Emerson Andrews, 14 paĝa libreto, destinita por matematikistoj kaj filozofoj. Eldono de "The Duodecimal society of Amerika", Usono.

EKZISTENCIALISTAJ HEROOJ en la Literatura Verkaro de J.P.Sartre. - Originala verko de Colette Llech-Walter en du lingvoj-franca kaj esperanto pri la verkaro de la fama franca poeto J.P. Sartre, 72 paĝoj, kun antaŭparolo de Giorgio Canuto.

VIZITU HUNGARLANDON - malgranda ilustrita faldfolio pri Hungario, kun mapo.

PRI LA LANDNOMOJ - 8-paĝa resuma esperantigo de ĉapitroj IV kaj V el la tezo pri propraj nomoj, aperinta en "The British Esperantist".

LA BELAN PACON - de Senzi Yamaguti, tradukita de Ter. Isiguro 32-paĝa libreto, priskribanta la teruran atombombeksplodon sur la japana urbo Nagasaki kaj la kruelajn postsekvojn. Eldonis: Ĵauda Rondo, Toskimaku, Tokio 1959.

SUB LA JUGO - fama romano de la granda bulgara nacia poeto Ivan Vazov, kolektiva traduko el bulgara lingvo. Bindita eldono de Bulgara esperantista asocio, Sofio, 1959. Eldonkvanto 5000 ekz.

15 JAROJ DA POPOLA REGADO EN BULGARIO. 96-paĝa libreto kun faktoj pri la disvolviĝo de la industrio, terkulturo, transporto kaj komunikado, de la kulturo kaj porpaca batalo de la bulgara popolo. Eldonejo de fremdlingva literaturo, Sofio, 1959.

POLLANDO - bone bindita kaj ilustrita 154-paĝa libro kun faktoj pri la geografio, historio kaj kulturo de Pollando. Malgranda universala enciklopedio de PWN, eldono de Panstwowe wydawode wydawnictwo naukowe, Warszava, 1959.

POR NOVA AFERO, NOVA MANIERO - 202 paĝa novelaro, broŝurita, entenanta dekdu novelojn de nuntempaj ĉinaj verkistoj kun klarigoj kaj bibliografiaj notoj. Eldonis: Ĉina esperantoligo, P.O. Kesto 77, Pekino, Ĉinio, 1959.

NOVA ESPERANTO REVUO "VIETNAMIO ANTAŬEN MARŜAS"

Aperis "Vietnamio antaŭen marŝas" - kutlura kaj socia trimonata ilustrita revuo, n-ro 1, julio-septembro 1959. Adreso de la redakcio: 189, BA Trieu, Hanoi, Vietnamio. La nova esperanto-revuo estas grandsignifa akiraĵo ne nur por la vietnamia, sed ankaŭ por la tutazia esperanto-movado.

## ETAJ SCIIGOJ

* S-ano Ch.Hochhauser-Armony, P.O.B.5171, HAIFA, Israel - deziras kunlaboradi al la tutmonda gazetaro en lingvoj esperanto, franca, hispana, angla, portugala kaj juda.

* Post la partopreno en la laboroj de la 44-a Universala Esperanto-kongreso, nia vietnama kolego kaj esperanto-poeto Dao-Anh-Kha, redaktoro de la esperanta eldono de "Vietnamio antaŭenmarŝas", vizitis en Sovet Unio Moskvon kaj aliajn urbojn, kie li renkontiĝis kun esperantistoj kaj ĵurnalistoj. En Rostov s-ano Dao vizitis la Domon de la scienculoj, kie li havis multajn interesajn renkontojn. Pri la vizito de nia kolego Dao-Anh-Kha al la Universitato kaj la Inĝeniera-Konstruista Altlernejo skribis favore ĉiuj rostovaj ĵurnaloj.

* La Internacia Progresema Traduk-Servo petas la gesamideanojn kunlabori: traduki el esperanto en naciajn lingvojn rakontojn de elstaraj ĉeĥaj verkistoj kaj eventuale publikigi en lokajn gazetojn. Adreso: A.V.Zednik, Modiany 1482, PRAHA, Ĉeĥoslovakio.

* "Kiaj estas la plej gravaj atingaĵoj de la moderna arkitekturo en via lando?" Per esperanto la ĉiusemajna gazeto "Tudenska tribuna" en Ljubljana organizas grandan tutmondan enketon pri la moderna arkitekturo, en kiu po-

vas partopreni ĉiuj ĵurnalistoj. Por pli detalâj informoj sin turnu al: Boris Grabnar, kultura redaktoro de "Tudenska tribuna", Ljubljana, Tomiŝiĉeva 3, p.p. 150, Jugoslavio.

KIU ESTAS KIU EN LA ESPERANTO-MOVADO

La eldonisto J.Régulo Prez preparas libron kun la supra titolo, celante doni koncizajn kaj fidindajn informojn pri pasintaj kaj nuntempaj aktivuloj, kiuj kontribuis al la esperanto-movado. La skemo estas proksimume jena:

Nomo-antaŭnomo, eventuale pseŭdonimo.

Dato (tago, monato, jaro) kaj loko de naskiĝo, eventuale de morto.

Studoj kaj ŝatokupoj.

Civila kariero, laboro, kutimaj okupiĝoj.

Agado por esperanto, kun precizaj indikoj pri lokoj, jaroj ktp.

Verkaro, kun indiko de kompleta titolo de la pecoj, loko kaj jaro de eldono, eventuale de eldonoj de ĉiu peco.

Notindaj apartaĵoj aŭ aldonaĵoj.

Oni sendu ĉion en konciza, telegrafa, leksikona maniero, sed sufiĉe klare, por eviti denovan enketon pro dubaj punktoj. La tekston, ĉe plej kanataj gravuloj, akompanu bona pasportformata bildo.

Ĉiujn materialojn oni sendu al S-ro Hans Jakob, Palais Wilson, Genève, Svislando.

## NI KONDOLENCAS

Kun profunda kordolcro ni ekscii s, ke post longdaŭra malsano la 20-an de novembro 1959 j,, tragike mortis nia fervora membro kaj komitatano de TEĴA en Praha, Ĉeĥoslovakio, regula kunlaboranto de "Internacia Ĵurnalisto"

JOZEF STANEK (KATA KANO)

Pro la terura frapo finis memvole sian vivon ankaŭ la edzino de JOĴKO - Jiřina kun sia 10-jara filineto Jelenka.

Joĵko Stanek laboris aktive ne nur kiel ĵurnalisto, sed ankaŭ kiel esperantisto. En Varsovia Universala Kongreso ĉijare li estis elektita kiel prezidanto de Mondpaca Esperantista Movado.

---

La 25-an de novembro 1959 en Arĥangelsk mortis nia kolego kaj membro de TEĴA, malnova fervora esperantisto-entuziasmulo, talenta ĵurnalisto kaj organizanto de la internacia korespondado pere de esperanto

ERJUĤIN ALEKSANDR PROKOPJEVIĈ

Li naskiĝis en 1901. Esperantisto de 1925, li estis organizinto de la Esperanto-fako en la ĵurnaloj "Pravda Severa", kie li laboris dum 30 jaroj, "Reĉnik Severa", "Lesnik Severa", kie ofte aperadis liaj artikoloj kaj esperantaj leteroj. Lia lasta artikolo aperis du semajnojn antaŭ lia morto.

S-ano Erjuĥin gvidis multajn esperanto-rondetojn, organizadis kolektivan esperantan korespondadon de arbarlaboristoj kaj estis gvidanto de la esperanta laboro en la Nordo de Sovet-Unio. Li edukis multe da fervoraj kaj entuziastaj aktivuloj. Li estis aŭtoro de la libro "La Nordo korespondas kun eksterlandaj laboristaj korespondantoj" (1932).

La historio de la esperanto-movado ne forgesos tiun ĉi flaman, sindonan pioniron, dediĉinta sian tutan vivon al la nobla ideo de la interpopola frateco.

## GRAVA SCIIGO

Pro reorganizado de la presejo, la eldonado de "Internacia Ĵurnalisto" estis provizore ĉesigita.

Por ke la materialoj ricevitaj de niaj kolegoj, ne perdu sian aktualecon, la redaktoro decidis eldoni la du lastajn numerojn por 1959 jaro stencilite.

Dum la kuranta jaro la plua eldonado de la revuo estas daŭrigota. "Internacia Ĵurnalisto" reaperos en ok paĝoj kun pligrandigita formato, presite.

La redakcio de la revuo ege petas ĉiujn malnovajn kaj novajn membrojn de TEĴA kunlabori al "Internacia Ĵurnalisto" per ĉiuspecaj informoj kaj artikoloj, por ke ni plibonigu kaj pliriĉigu ĝian enhavon. Tiamaniere ili fakte ebligos la regulan eldonadon de nia revuo.

## NOVAJ MEMBROJ DE TEĴA

Rangkajo Ch.Sj.Datoe Toemenggoeng, Pintu Besi 39, Djakarta, Indonezio.

Jakubiec Danuta, Lubicz 3/25, Krakow, Pollando.

Vlado Jurkoviĉ, Esperanto-raportanto de Radio-Zagreb, Zagreb, Jugoslavio.

Resuloviĉ Mustafa, Zagrebaĉka 15, Sarajevo, Jugoslavio.

Elisabeth Brinkmann, Sandbrede 37, Herford/Westf., Germanio.

E.Klavinŝ, ul. Barona 11, Hluksne, Litova SSR, Sovet Unio.

Kim Bjungnjul, ĉe "Fervoja Konstrua Tresto, Vunsan, Kangvundo, Koreio.

Bak Pjunghuan, ĉe "Kangvun Ĵurnalo", Vunsan, Kangvundo, Koreio.

Mlynczyk Wirgilius, ul.Wiktorii 40, Bialystok, Pollando.

Miroslav Mojźiŝek, Wratimow 340, Pollando.

Leo G.Fiŝbein, ul. I Daĉnaja 42, kv.9, Uzbovaja, USSR.

ADRESŜANĜOJ

Kralj Drago, Fabijanijeva ul., Savsko naselje VIII-2-12, Ljubljana, Jugoslavio.

*

Karaj gekolegoj,

Renovigu vian aktivecon kiel membroj de TEĴA!

Kontribuu por la membrigo al TEĴA de ĉiuj viaj kolegoj-esperantistoj, ĝis nun ankoraŭ ne membrantaj en nia asocio.

Ĉu vi jam pagis vian jarkotizon al TEĴA por 1960 jaro? Nepre faru tion por helpi finance la noblan agadon de la asocio! Kiom?

ESTRARO DE TEĴA

PREZIDANTO - Olav Thormodsen, Box 132, Haugesund, Norvegio.

VICPREZIDANTO - Niilo Kavenius, Niklaksenkatu 10/14, Turku 9, Finnlando.

SEKRETARIO-KASISTO - D-ro Dino Fabris, Borgo Bassano 5, Cittadella (Padova), Italio.

HELPSEKRETARIO - Maria Vogel, Kniebisstrasse 31, Stuttgart, Germanio.

REDAKTORO - Ivan Keremidĉiev - Esperov, bulv. Hristo Botev 98, Sofia 2, Bulgario.

MEMBROJ: Takaĉ Ĵeljko, Boŝkoviĉeva 24, Zagreb, Jugoslavio, kaj

Jerzy Grum, Matejki 16/8, Wroclaw, Pollando.

Redaktoro: Ivan Keremedĉiev - Esperov, bul.Hristo Botev 98
Sofia 2, Bulgario